3.ª JARO N.º 44 MONATA ESPERANTO-GAZETO JANUARO 1939

# Popola Fronto

INFORMA BULTENO INTERNACIA PRI HISPANA LUKTO KONTRAŬ LA FAŜISMO

ELDONO DE GRUPO LABORISTA ESPERANTISTA
REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: STRATO MAR, NUM. 25 VALENCIA (Hispanio)

## Jam venos tagoj pli helaj!

### TRE FIERE TIAM NI REMEMOROS PRI NIA DIGNA KONDUTO

Okazis io neevitebla: Barcelono falis! La malamiko deziras, ke ĉi tiu grava domaĝo estu la renverso de niaj frontoj k la forfalo de nia ariergardo, por rapide atingi nian definitivan pereon. Tion ĝi ne atingos, ĉar per niaj propraj manoj, ni povas tion evitadi. Kaj ni sukcesos en la tasko!

Certe la nunaj momentoj estas la plej akraj el nia lukto. Tamen, ni supervenkos ilin kun obstino k kuraĝo, sed nepre ni bezonas, ke ĉiuj, ja ĉiuj, konservadu sian fidon, duobligu siajn penojn k akceptu abnegacie la ordonojn de la Registaro. Hodiaŭ, ĉiu hispana civitano devas sin senti respondeca de la ordo, kiel instrumento de la volo de l' popolo, kiel bona garantio. La Registaro bezonas ĉies helpon, k ĝi estos nepre rigore postulata.

Neniam mi trompis vin, hispanoj, k la konata lojaleco en mia konduto rajtigas min postuli vian fidon. Mi apelacias al la saĝo k prudento de ĉiuj respublikanoj por zorge eviti ĉiun senkuraĝiĝon k energie haltigi la ondon de pesimismo, kiun ŝtele semas k semas la agentoj de niaj malamikoj.

Havu do fidon je miaj asertoj k certe la akutan krizon ni supervenkos!

Kio okazis ekde lasta Decembro ĝis nun? Kiaj estas la kaŭzoj de la situacio? Ĉu ekzistas solvo por forviŝi la krizon. Pri tio mi volas paroli al vi kun mia kutima sincereco: Tiuj, kiuj transformis Hispanion en arenon por rabi mondajn hegemoniojn, avidas drastajn venkojn por meti finon al nia milito. Sed, nia epopea rezistado, nia brila ofensivo ĉe la rivero Ebro k nia lastatempa operacio en Ekstremaduro minacis tre rekte fiaskigi la militajn planojn k la diplomatajn manovrojn de Italio k Germanio. Per tio, ni gajnis utilan tempon!

Sciaţe estas, ke en nia sankta lukto, ni defendas ne nur la sendependecon de Hispanio, sed ankaŭ la liberecon de la mondo. Kresko de tia scio estas grava danĝero por niaj invadintoj Urĝis rapidigi la konvenajn rezultojn. Antaŭ ol la unua duono de Januaro, devis nepre okazi imponaj okazaĵoj ŝajne montrantaj, ke nia rezistokapablo estas jam plene likvidata. Urĝis eniri en Barcelonon por gajni valorajn poentojn en la internacia veto. La penoj k la klopodoj de la invadintoj tiucele estis ege egaj. Niaj soldatoj en Katalunio bataladis ĉiam sen plej eta ripozo, kun forta kuraĝo k sana entuziasmo, sed kun materialo, bedaŭrinde, tro malabunda.

La Ne-Interveno regalis nin ĉiutage per rafinitaj malfacilaĵoj, dum Italio k Germanio elverŝadis, sur la ribelan zonon, grandegajn kvantojn de plej moderna materialo. Per senarmita heroeco, oni ne povas fari efikan laboron. Nur tio estas la kaŭzo de niaj pasintaj ĉagrenoj. Nur tio estas nia malforta punkto Nenio alia!

Mi ne devas publike fingromontri la eksterlandajn kulpulojn, kiuj sidas en oficialaj seĝoj. Nia sukceso savos ilin esti pliaj viktimoj. Ĉu la afero havas solvon? Ĉu la solvo dependas de niaj klopodoj mem? Ambaŭ demandojn mi respondos konkrete. Jes! Permesu klarigi mian asertON: Nia armeo estas laca pro manko de abundaj militiloj; sed ĝi konservas sian malnovan batalspiriton, kiun certe miaj vortoj plifortigos. La novaj kontingentoj, kiujn la Registaro venigis al Katalunio, ebligos ripozon al la lacaj batalantoj. Pri la materialo, ankaŭ io estas direnda: Malgraŭ la mara blokado, malgraŭ la baroj de la Ne-Interveno, la Registaro ĵus sukcesis aĉeti bonan materialon, en atentinda kvanto, kiu certe utiligata masonos iun netraireblan barieron.

Ni havas la kuraĝon de niaj soldatoj. Ni jam havas anstataŭantojn por eviti la elĉerpiĝon de niaj fortoj. Ni havas materialon, kiun neniam ni posedis, laŭ proporcio. Malfrue ĝi venis, sed ankaŭ ne tro malfrue!

Hardita kuraĝo, obstinaj batalantoj, adekvata materialo: Jen la bazo de miaj asertoj. Kion krome ni bezonas por fari nerompebla la linion de nia rezistado? Ni ja bezonas absolutan fidon pri la rezultato de nia milito!

Forŝiru el viaj koroj, tre rapide, eĉ la radikojn de ĉia pesimismo!

Civitanoj: Nenio liveras pli da fervoro; nenio trankviligas pli la spiritojn ol la klara k pura konscio pri deca plenumo de la devo plej rigora.

Por ĉi tiu devo; por Hispanio: Antaŭen sur la vojo de l' oferoj! Ĉar nur la volo, kun dornoj de oferoj, portos al ni la triumfon! Vivu nia Hispanio!!

## PER OFICIALA VOĈO

En la plej malfacila etapo de nia milito, kiam plian fojon la sorĉistoj de la reakcio aŭguras nian tujan pereon, multajn vortojn eĉ riproĉojn — nia plumo deziras skribi. Sed volonte ni rezignas pri tio, por prezenti, sur la tribuno de la unua paĝo, la sobrajn k sincerajn parolojn, kiujn la ĉefministro doktoro Negrin ĵus diris al la tuta civitanaro de Hispanio, okaze de la perdo de Barcelono. Tiuj ĉi vortoj amaraj k kuraĝigaj oportune taŭgas ankaŭ por la internaciaj legantoj de nia gazeto, kiuj ĉerpos el la tuta oracio trafajn deduktojn por plifortigi siajn proprajn konvinkojn k forviŝi timemajn dubojn ĉe aliaj amikoj. La faŝistaj aŭguristoj sorĉumas pri nia morto, sed dank' al la universala lingvo, la idealistaj verdstelanoj atestos pri nia ankoraŭa vivo k pri nia daŭra deziro batali, por rezisti k venki...

## PER PRIVATA BUŜO

Neniun sekreton ni malkovras dirante, ke estas peze redakti k prilabori bultenon, kiel tiun nian, kiam la cirkonstancoj estas tiel malfavoraj, kiel la nunaj. Multajn momentojn, ni pensas ĉu nia obstino, ĉiel ajn aperigi la gazeton, ne ŝajnos absurda aŭ stranga manio al multaj eksterlandaj legantoj, kiuj komforte sidantaj, apud varma forno, legas niajn artikolojn. Oni diras proverbe, ke la arboj ne permesas vidi la arbaron. Eble pro tio, ni povas ankoraŭ streĉi pli k pli niajn elĉerpitajn fortojn k akurate ĉiumonate eksterlandigi honestajn informojn pri la grandiozaj faroj de nia popolo, kiu, forlasita k forgesita, ĵuras ne cedi ĝis venko aŭ pereo. Pli modeste, ni celas apliki la saman devizon por frapeti en la konsciencon de tiuj glaciaj kolegoj, kiuj en siaj revuaj resumoj bojkotas nin per *neutrala* silento..

# FUNEBRANTE PRO LA MORTO DE FIDELA AMIKO INTERNACIA

Emilio Vandervelde mortis! Malaperis de la vivo la plej serioza amiko de Hispanio. La Registaro de la Respubliko sendis florojn por ornami la ĉerkon de tiu homo, kiu senlace faris ĉion eblan por helpi la egajn klopodojn de nia popolo. Ĝis sia morto, li batalegis por la justeco. Nur antaŭ kelkaj semajnoj, li ankoraŭ pasie pledis en la Kongreso de la Belga Socialista Partio por ne sendi komercdelegiton al Franko. Li mem vizitis Hispanion k energie agitadis por la hispana popolo. La belga laboristaro perdis sian bonan patron, kiu dum pli ol 50 jaroj laboris por noblaj idealoj. Nun la voĉo silentas, ĉar honesta viro mortis! Je lia honoro gardostaris, ĉe la sarkofago, iamaj batalantoj de la internaciaj brigadoj. Vere kortuŝa bildo: Dum sia vivo, li batalis por Hispanio; dum lia morto, filoj de tiu sama popolanaro, kies fidelulo ĉiam li restis, reciprokas ion el lia ŝato por Hispanio. Li ne vidos la finon de nia epopeo, sed ni zorgos por ke lia ekzemplo restu eterne vivanta, kiel hela ekzemplo. La torĉportanto ĵus mortis. sed la torĉo restu ankoraŭ forte brulanta!

POST LA RENDEVUO EN ROMO

## Angora Demando-Signo

Oni jam konas la enuan tekston de la oficiala prozo pri la rendevuo de Chamberlain k Mussolini en Romo. Estas evidente, ke la kunveno plene fiaskis. Kun diktatoroj nur oni povas akiri ŝajnojn de iaj konfuzaj sukcesoj fordonante, al iliaj nesatigeblaj faŭkoj, pecojn el karno k libereco de demokrataj nacioj. Nur tiam oni povas stulte fanfaroni, kiel «savantoj» de la paco...

Pro tio, en la fama rendevuo, ĉar oni fordonis nenion al Mussolini, oni ne sukcesis. Ni ĝojas pro la fiasko. Eĉ eta «sukceso» de la konferenco estus ja simptomo pri novaj krimoj. Kaj, laŭ trafa supozo, aperis Hispanio kiel franda ofertaĵo sur la tablo diplomata; kvankam oferti nian popolon per vortoj, kompreneble, neniel signifas fordoni ĝin fakte sen ĝia permeso; sen permeso de kvincent mil veteranaj bajonetoj...

Tamen, krom tio, nia konflikto ne estas izolita punkto sur la kampo internacia. Vole-ne-vole, nia afero estas unu plia maŝo en la teksaĵo de plej diversaj interesoj. La sorto de Hispanio aperas algluita al tiu de Francio; ankaŭ al tiu de Britio, k eĉ al tiu de la tuta progresema homaro. Se la mondo ne perdis jam la instinkton pri memdefendo, ĝi ne restos longe pasiva.

Mussolini ne povis ĉerpi la rajton de batalanteco por sia pulĉinelo Franko. Ĉu tio konvenas al la Brita Imperio? Ne! Nu, se tiel okazis la ludo, restas nur simple diri, ke oni ne faris alian krimon. Interesa estas iu detaleto en la oficiala informo: Mussolini ne neis sian intervenon en Hispanio; nei estus naive, sed proklami estas cinike! Li asertis, ke en nia lando li nur celas ekstermi la marksismon. Kun kia rajto? ni demandas; kvankam tre ofte dirite estas, ke ĉi tie oni ne batalas por io alia ol por la sendependeco k libereco de Hispanio. Kaj post tio—aŭ eĉ pro tio!—ĉiuj rajtos propagandi k disvastigi siajn proprajn idealojn. Je nomo do de kio, la tirano de Italio pretendas persekuti, en libera nacio, difinitajn doktrinojn? Tiu ĉi absurda postulo, metas la mondon en daŭra stato de militdanĝero; ĉar, laŭ sama teorio, ĉiuj liberamaj homoj rajtus alsalti Germanion k Italion por apliki tie la elementajn normojn de civilizo, kiuj nun skandale tie tute mankas..

En la rendevuo de Romo, neniu cedis: apenaŭ eĉ parolis la dialogantoj. Staras minace la samaj riskoj. Skuas la spiritojn la samaj konvulsioj! Jen do hodiaŭ la angora demando-signo ŝvebanta super la timigita Eŭropo, kiu ne volis vidi nek atenti oportuntempe la inkandeskan lumon, kiun jam delonge disradiadas Ĉinio k Hispanio, al kiuj oni ne nur faris ofendojn per mallivero de defendiloj, sed per malkompreno de iliaj celoj, konsiderante kiel egoismon ilian noblan sindonemon!

## JAM STARAS LA TUTA POPOLO!

La Registaro ĵus solene proklamis energiajn decidojn de milita karaktero. Tio estas kvazaŭ respondo al la konspiro de Romo. Respondo por forblovi facilajn iluziojn pri nia submetiĝo al ĉiuj diplomataj konspirantoj. Nia popolo perceptas, ke sia sufero estas afero pri vivo aŭ morto, k tial ĝi surportas tiel superhome pezegajn oferojn. Hispanio estas tro digna por akcepti politikajn fuŝaĵojn. Konvinkiĝu la invadintoj, k ĝiaj amikoj, ke Hispanio ne scias—ne volas!—esti nenies kolonio. Dum longaj jarcentoj, oni lernis suferi k forpeli diversajn invadojn. La malfeliĉo hardas niajn impetojn k plikuraĝigas nian volon.

La Registaro dekretis la ĝeneralan mobilizon por adekvate kontraŭstari la fortegajn puŝojn de la italaj divizioj. Nia milito eniris, pro tio, en akutan fazon. Nun oni povas diri, ke la tuta Respubliko staras armite. Ĉiuj, de dekokjaruloj ĝis kvardekkvinjaruloj, respondas: Estanta! al la voko de l' armiloj. La milito penetras ĉien k koncernas ĉiujn. Plej granda respondeco kuŝas sur la ŝultroj de konsciaj homoj. La popolo plej antimilitista de la mondo—Hispanio!—estas nun, sen parodokso, la plej militistema por ĝuste konservi sen trudaj kondiĉoj sian senmilitistemon.

Multaj postenoj restos vakaj. Ilin prizorgos virinoj, taŭgaj kripuloj, taŭgaj malsanuloj k emerituloj.

Eĉ infanoj plenumos, se necese, difinitajn taskojn! Nu, bone. Jen signo pri nia vivo, kiam multaj kalkulas pri nia morto. Antaŭ ne multe, ankoraŭ restis sufiĉe da viroj, en la ariergardo, por salute adiaŭi la novajn soldatojn. Nun, tio ne plu jam okazos, ĉar tuj ekmarŝos al la fronto ĉiuj: salutintoj k salutatoj, pretaj iri ien ajn, sen hezitoj nek protestoj.

Sciu tion niaj malamikoj. La Respubliko staras k kreas k rekreas energiojn por venki k spiri libere k feliĉe, spite al ĉio k malgraŭ ĉiuj turistoj de la moderna friponeco...

## LONGA VICO DE PERFIDOJ

Nia milito komencis per abomena perfido de generaloj, kiuj solene ĵurinte defendi la nacion, vendis ĝin al fremdaj ŝtatoj per la mizera prezo fanfaroni pri ŝajna vanta gvidanteco.

Sub tia signo komencis la milito, sed ĝi kreskis k disvolviĝis dank' al pli gravaj perfidoj, kiujn faris—ne ja kontraŭ ni sed kontraŭ la fundamentaj interesoj de siaj propraj landoj!—aliaj tiel nomataj demokrataj eksterlandaj registoj k gvidistoj.

Pro ofta dirado, ŝajnas ŝablono la aserto, ke la hispanoj batalas por ĉies libero k progreso. Tio krom unu frazo, estas granda vero. Tamen, Hispanio, avangardo de la tutmonda demokratio, ne ricevis la necesan helpon de la minacataj amasoj pro la perfido—kial ne paroli klare?—de pluraj gvidantoj, kiuj flegme rigardadis la intervenon de potencaj faŝistaj fortoj masakrante dignan popolon, al kiu ili mem obstinaĉe rifuzadis, je nomo de absurdaj—friponaj!—formalaĵoj, ilojn por taŭga apliko de senprecedenca kuraĝo, kiun admiros venontaj generacioj.

Multe pli abomena ol la perfido de la hispanaj generaloj estas la nigra perfido de tiuj homoj, kiuj devojigis k tordis la honestajn fervorojn de la amasoj de siaj propraj politikaj partioj k sindikataj organizoj. Oni kastras la naturajn impetojn per timigaj aŭguroj pri tuja vivo en la tranĉeoj. Oni laŭdas falsan pacon...

Oni mensogas pri alta patriotismo, pri noblaj aspiroj!

La popolo hispana batalas noble, eĉ kontraŭ malnoblaj malamikoj. Nun ĝi baraktas tra egaj suferoj, ĉar la fruktoj de la eksteraj perfidoj jam maturiĝas, sed en mezo de sia drasta apoteozo, Hispanio ankoraŭ havas tempon por malŝati la falsajn amikojn, samtempe ol danke ĝi faras kapelojn, en la koro de ĉiu hispano, por tiuj veraj internaciaj amikoj, kiuj ĝojas kun niaj ĝojoj k akompanas nin, per sia varma solidareco, en niaj angoroj...

# MOZAIKO

● Laŭ sekuraj informoj, Germanio ĵus konstruis en la maro Kantabriko, ĉe la baska marbordo, kvin basenojn por gardi submarenojn. La okcidentaj bordoj de Francio, en oportuna momento, povas suferi similajn atakojn ol nun elportas la havenurboj de la Respubliko de Hispanio.

Kaj venos la tragikaj tagoj, tiam multaj surdaj oreloj krevos pro fortaj eksplodoj de malamikaj obusoj.

● Ne ĵa malaktualiĝas la malnova temo pri faŝistaj krimoj. En la kataluna vilaĝeto Santa Coloma de Queralt, la italaj invadintoj, tuj post ĝia konkero, arigis sur draŝejoj preskaŭ la tutan loĝantaron: infanoj, virinoj k maljunuloj. Poste, per maŝinpafiloj, oni masakris abomene tiun malfeliĉan homamason. Tamen, la konscienco de sinjoro Chamberlain ankoraŭ ne admonas lin riproĉe!

● Oficiala statistiko deklaras, ke dum la pasinta jaro, oni faligis al la faŝistoj 562 aviadilojn; preskaŭ duoble ol dum la alia antaŭa jaro, kiam la renversitaj aparatoj nur estis 239. Tio montras la pliakriĝon de la milito, en la lasta periodo.

La faŝistaj perdoj aperas laŭ jena maniero: 301 «Fiat» 100 «Meisserschsmidt» 161 «Heinkel» «Dornier» k aliaj nekonataj markoj. La Respubliko perdis 114 ĉasaviadilojn k alian nombron, ankoraŭ ne plene difinitan, da modernaj bombardaparatoj.

● Angla ĵurnalo aperigas kalkulojn pri la elspezoj de Italio en la hispana milito. Ĝis fino de pasinta Oktobro, Mussolini elspezis ĉi tie 200 milionojn da sterlingaj funtoj. Tio certe estas atentinda sumo, se oni konsideras, ke en sia atako, kontraŭ Abisenio, la sama tirano nur elspezis 160 milionojn da tiu angla mono.

● La ŝipanaro de la detruŝipo «Jose Luis Diez» jam revenis de Gibraltaro al Cartagena. La angla Registaro tre «neŭtrale» aranĝis referendumon, por demandi al ĉiu ŝipano pri ties deziro veni al la zono de Franko aŭ al tiu de la Respubliko; la respondo estis unuanima. Tiu sama «neŭtrala» Registaro mem, kiam ĝi kontrolis la ŝipanojn de la faŝista ŝipo «Baleares» fordonis la maristojn tuj al Franko, sen antaŭa demando pri iliaj deziroj.

En la kapitalista maro, krom la piratoj, abundas la ŝarkoj...

● Kiel pruvo pri memvolaj sentoj, en la ariergardo de la Respubliko, oni povas mencii la kortuŝan deklaron, kiun ĵus adresis al la ĉefministro, la militkripuloj, sin oferdonante por okupi ĉiujn plej necesajn postenojn, laŭ eblo de siaj kriplaĵoj, por daŭrigi la batalon ĝis la ekstrema fino.

● En la fronto de Katalunio, ĵus falis grave vundita la itala generalo Gambara, kiu komandas la korpusojn de italaj legianoj en la faŝista ofensivo. Tamen, ankoraŭ nun multaj naivuloj donas nomon de fratmilito al la invado de Italio. Tio estas malkuraĝa eŭfemismo por maski proprajn fripoñecojn. Tio estas ofendo al la tradicia unueco por la libero de la hispana popolo. Ne plu jam pri fratmilito!

## TIEL NI BATALAS...

Celestino Garcia nomiĝas la kaporalo, kiu, sola antaŭ dektri tankoj, detruis tri k forkurigis la dek ceterajn. La ĉefministro doktoro Negrin akceptis persone la kuraĝan kaporalon. Post la ceremonio, parolante intervjue kun gazetistoj, li diris:

—La ĉefministro ĉirkaŭbrakis min k dediĉis al mi karesajn vortojn. Ankaŭ mi interkonatiĝis kun aliaj ministroj al kiuj mi klarigis la manieron renversegi la tankojn.

—Vi devas detrui almenaŭ unu dekduon!—diris al mi la prezidanto.

Mi estas treege ĝoja, ĉar mi ricevis forpermeson por resti du semajnojn apud mia patrino k edzino tie, en vilaĝeto de la provinco de Madrido. Doktoro Negrin mem donacis al mi la bileton por fari la vojaĝon per aviadilo. Naive-fiere li diris tion kun brilo en siaj noblaj okuloj.

—Kion vi faros poste?—Oni subite demandis al li scivoleme.

—Denove renversi tankojn!—Tute simple fluas la respondo.—En ĉi tiu milito, oni bezonas aŭdacajn virojn. Tiuj fanfaronuloj, temas ja pri la italoj, posedas tro multe da materialo. Se oni forte ne haltigas ilin, ili antaŭenirus ĉien laŭvole. Pro tio mem, oni devas repuŝi ilin ĉiel ajn; jes!

Kiam oni defendas sian propran terenon, oni estas pli forta; k post la okazaĵoj, oni konstatas, ke tio ne estis tiel malfacile, kiel unue ŝajnis...

Ĉiuj okupantoj de la tri tankoj estis italoj; mi kaptis ilin tute ĝentile. Malgraŭ tio, unu el ili petegis min lin mortigi. Mi respondis: Ni, popolarmeanoj, neniel estas murdistoj, kiel vi, kiuj malvarmsange bombardas la civilajn loĝantojn per aviadiloj, aŭ masakras ilin per kruela vico de maŝinpafiloj.

Kial vi venis ĉi tien? Mi demandis.

—Mussolini, la gvidanto, ordonis tion, k mi ne povis ne obei...

—Nu, bone; ili obeas servute, k ni obeas konscie; jen grava diferenco inter faŝismo k antifaŝismo!

Diras foririnte la brava kaporalo.

## JEN NIAJ SOLDATOJ!

**Du kaporaloj de la Popola Armeo, en la fajroplenaj frontoj de Katalunio, estas la vivaj epopeaj simboloj de niaj kolektivaj kuraĝo k obstino. Unu el ili, tute sola, per lerta ekuzo de meĥanika fusilo, haltigis k repuŝis plensukcese kompletan roton je unu el la italaj regimentoj. Alia kaporalo, en apuda fronto, ankaŭ tute sola, alfrontis dektri tankojn k detruinte, per manbomboj, tri el ili; li ekforkurigis la ceterajn. Post tio ne ja ceŝis lia heroeco, ĉar rompinte la blendaĵojn de la renversitaj militmaŝinoj, li kaptis iliajn okupantojn, kiuj, kompreneble, ĉiuj sen escepto estis italoj. Tiuj du simplaj k tamen grandiozaj epizodoj, hele montras kiamaniere disvolviĝus nia milito, se nia legitima Registaro povus akiri adekvatan k sufiĉan materialon por defendi la rajtojn k la progreson de la tuta homaro, kiu kodiaŭ ŝajnas sinmortigi...**

● La Ligo de Nacioj, se ne por io pli praktika, taŭgas almenaŭ por danke agnoski niajn bonajn volojn, rilate la jaman efektiviĝon de nia promeso retiradi ĉiujn eksterlandanojn el nia Armeo. Dum lasta kunsido, tion oni konfirmis! Oficiale do, ni jam estas bonaj knaboj; k la faŝistoj, kverelemaj elementoj, ĉar laŭ informoj de kompetenta komisiono, ĉiuj bombardadoj kontraŭ la malfermajn urbojn ne celis militajn celojn, sed murdi civilajn personojn por veki panikon.

Kaj multaj filistroj diras senhonte, ke diktatoraj reĝimoj estas garantio de ordo k socia stabileco...

● La Komitato por Virina Helpo de Barcelono ricevis, nur dum la unua semajno de Januaro, nutraĵojn je valoro de unu miliono k duono da frankoj el jenaj landoj:

Argentinio, Urugvajo, Nederlando, Norvegio, Aŭstralio, Svedio, Svisio k Francio. Tiuj ĉi valoraj donacoj estis tuj distribuataj inter la urĝaj bezonantoj k hospitaloj.

● Por finhonori la farson de la Ne-Interveno, Mussolini ĵus «donacis» al Franko kvar militŝipojn k du submarenojn. La ambasadoro de Hispanio en Londono denuncis la hontindaĵon al la Brita Registaro, sed la haŭto de sinjoro Chamberlain estas sufiĉe dika por ricevi impresojn de delikateco...

● Nova humana faro de nia Registaro estas oficiala [illegible] decido per kiu oni elkarcerigas ĉiujn a[illegible]titojn, havantaj pli ol sesdek jarojn. [illegible] celas per tio eviti ĝenojn eĉ al multa[illegible]lamikoj se ili estas tro maljunaj.

● Antaŭ la gravaj nun[illegible] cirkonstancoj, la Registaro dekretis la militstaton en la tuta lojala teritorio. Rimarkinda estas la detalo pri nia civitaneco, ke nur post pli ol du jaroj k duono de milito, komencas interveni en civilaj aferoj la militistaj aŭtoritatoj. Tamen, tio okazas laŭ tre milda maniero k kun sincera kunlaboremo de ĉiuj civiluloj por obei ordonojn.

## LA MILITA SITUACIO

Post zorga preparado, kun egega kvanto de militmaŝinoj, Italio entreprenis kontraŭ Katalunio la plej furiozan ofensivon de tuta la milito. Facile oni komprenos, ke la kulpa toleremo de la falsaj demokratoj instigas al la despotoj celi likvidi rapide la reziston de nia popolo. Tamen... tro frue ili revaĉas! Se nia manko de taŭga materialo devigas nin ie cedi terenon, futon post futo, tio ne okazas, sen pleja obstina rezistado. Kaj se la bela Katalunio ricevas la ungobatojn de la monstro, Ekstremaduro salutas la soldatojn de la Respubliko, kiel liberigantojn de ampleksa zono el mil kvadrataj kilometroj, kun montoj, valoj k vilaĝoj. Kiel amboso aŭ kiel martelo, atakante aŭ rezistante. nia popolo estas aktiva k viva organismo, kiu spite al ĉio, malgraŭ ĉio malagrabla, ne mortas sed luktas k luktas por fierigi honestulojn, k por ĉagrenigi friponojn.

## NIA MUNICIO

| | | |
|---|---|---|
| Valencia Esperantistaro. . . | 18 | ptoj. |
| M. B.—Cartagena . . . . . | 15 | » |
| A. F. - Bazo 1.ª. . . . . . . | 10 | » |
| J. O. B.– Bazo 3.ª . . . . . . | 50 | » |
| J. R.—Fronto. . . . . . . | 10 | » |
| A. C. - Berga. . . . . . . | 25 | » |
| P. C.—Jaén. . . . . . . . | 25 | » |
| J. B. T. Barcelono. . . . . | 45 | » |
| G. Laturo.—Fronto. . . . . | 50 | » |
| E. G. T.– Bazo 1.ª. . . . . . | 100 | » |
| M. D. F.—Bazo 3.ª. . . . . . | 20 | » |
| R. G. G. Murcia.. . . . . . | 15 | » |
| A. P.—Fronto. . . . . . . | 25 | » |
| L. H.– Onteniente.. . . . . | 100 | » |
| J. A. G.—Jaén. . . . . . . | 10 | » |
| D. L. E. A.– Aabyhoj. . . . | 39.75 | ffr. |
| L. E. S.—Backa Topola. . . | 22.50 | » |
| G. N.- Stockholm. . . . . | 100 | » |
| G. E. O.—Orleans. . . . . | 3 | » |
| P. Ch. St. Aignon s Cher. . | 20 | » |
| Ch. T.—Mezieres Brenne. . . | 15 | » |
| J. B. Nemours . . . . . . | 20 | » |
| Esperanta Gpo. Marchiennes. | 15 | » |
| R. P.—Fontenay sous bois. . | 20 | » |
| F-no M. R. Paris. . . . . | 20 | » |
| K-do B.—Orleans.. . . . . | 20 | » |
| K-do P.—Orleans.. . . . . | 10 | » |
| G. E. O. Orleans. . . . . | 2 | » |
| E. M.—Bow E. 3. . . . . . | 1,6 | sil. |
| A. Mc. L.—London. . . . . | 2 | » |
| G. B. A. Beds. . . . . . | 2,6 | » |
| J. B. London S. W. 17.. . . | 2 | » |
| H. J. M. Birmingham. . . . | 5 | » |
| A. P. Folkestone . . . . . | 2 | » |

## POPOLFRONTA LETERUJO

A. Marquet.– Parizo.– Kun danko ni notas la enhavon de via letero, k pri la lando kiun vi peras tiel afable k sindone, ni studas novan aranĝon por transsendadó.

J. Anguita Jaén.—Viajn anoncitajn gazetojn kun tradukoj ni ricevis k gratulas vin pro tia laboro. Ankaŭ ni ricevis kun danko vian monsendon.

Librairie Centrale Esperantiste.– Parizo. Nia gazeto estas senpaga, k ni nur akceptas libervolajn donacojn.

G. M. Bengtsson.– Kiruna.– Vian afablan leteron ni ricevis k dankas ĝian enhavon. Popolfrontan saluton.

H. Wilson. Malmo.– Ni dankas viajn leteron k anoncitan monsendon. k notas la ádresojn, kiujn vi afable sendis al ni.

## KORESPONDADO

**Simpla triliuia anonceto 4 f. fr.**

**NEDERLANDO.– K-do E. Thomas, Kamperfbeliegtraat 33, Groningen, dez. kor. k. ĉ. l., p. ĉ. t. k interŝ. P. M. revuojn. Respondo garantiata.**

**NEDERLANDO.—K-do H. J. Jemsen, Overtoon 572, I. Amsterdam, dez. interŝ. P. M., nur 50 enlandajn por 50**

FRANCIO.—K-do J. Lézan, Pouy par Castelnau-Magnaac, Htes. Pyrenées, interŝanĝus tutmonde poŝtkartojn ilustritajn.

HISPANIO. 18-jaraĝa junulo dez. kor. kun geesperantistoj en ĉiuj landoj, interŝ. P. M. k P. K. Adreso: José M.º Bernabeu, 66 División, 214 Brigada, 853 Batallón, 4.ª Compañía, Base Turia n.º 1, C. C. 19.

HISPANIO.– K-do Albino Gutiérrez, Grupo Intendencia, Compañía Campaña. Base 3.ª, C. C. 22.

HIRPANIO.—K-do Amadeo Llatse, 65 Brigada Mixta de Carabineros, 2.º Batallón, 4.ª Compañía, Base 1.ª, C. C. n.º 4, deziras korespondi kun ĉ. l.

HISPANIO. – K-do Josefo Molina, Lia nova adreso estas E. M. 39 División, Base Turia n.º 1, C. C. n.º 16.

HISPANIO.– K-do Angel Mateu, str. Largo Caballero 173, 2.º, Valencia. Deziras korespondi kun ĉ. l., kaj pri ĉiuj temoj.

LETERO EL FRANCIO

# KOMENTARIOJ

Jes; multe da akvo fluadis sub la francaj pontoj ekde la popolfrontaj venkoj en la balotado de la jaro 1936ª! La faŝismo, iom post iom, relevis la kapon profitante, pli k pli, malkuraĝajn sintenadojn. Nun, la fifamaj Daladier k Bonnet estras provizore k politikas tute profite al la trustoj.

Daladier estas la cinika perfidulo, kiu ĵuris la 14. Julio 1936. defendi la popolon kontraŭ la reakcio, kontraŭ la «200 familioj» koketas kun Hitler k celas imiti la gestojn de la emfaza italia tirano.

Kontraŭ la leĝdekretoj, kiuj frapas nur la proletan klason– leĝdekretoj diktitaj de sinjoro Gignoux je nomo de la trustoj– protestis strike la francaj sindikatoj. Ĝenerala unutaga striko estis proklamita la 29. Novembro... Kia aĉa ŝtatsubpremado okazis!

Kiel dum la granda milito, cenzuro funkciis por radio k gazetaro! Vera policista k soldata mobilizo paradis! Multaj kamaradoj estis batitaj, insultitaj, enkarcerigitaj!...

Oni tute malleĝe rekviziciis la fervojistojn, tramistojn, ktp, minacante ilin per severa militista juĝado. Sur la kapoj de ĉiuj laboristoj pezis tujan maldungadon. Eĉ al la oficistoj oni tion sciigis telegrame. Profesoroj, instruistoj vidas sian monatan salajron malpligrandigita je oktaga salajro! La kofroj de sinjoro Reynaud estas avidaj! La financistoj tute libere eksterlandigas sian oron por devigi tiel la registarojn obei sklavece. Karceroj, batoj, insultoj k ega mizero trafas nur la humilulojn.

En ĉiuj honestaj koroj eniris kolerego. Francaj proletoj neniam forgesos la cinikan kanajlaĵon de Daladier. Ni ja ne lasos tute glate perfidi la popolfrontan programon k malfermi la pordojn al la faŝismo. Ni ne akceptos fali en malindecon, kiel dua Germanio! La hispana ekzemplo pruvas, ke nur senkompata lukto bremsos k haltigos definitive la faŝistan ofensivon.

Kiel idoj de la pariza Komuno, ni scios kuraĝe k venke konstraŭstari la ondon!

J. LEZAN Pouy (Francio).

**ĈU VERE?** Oni povas observi, ke la lastaj listoj de mondonacoj abrupte malaltiĝis. Ĉu tio signifas, ke la legantoj ne ŝatas la gazeton en la momentoj, kiam ĝi pli valoras aŭ ili ankaŭ kredas, ke ni jam pereis? Ni ne volas pensi pri la ekzisto de tiaj pensoj, sed nia legantaro devas pravigi nian opinion forrabante multan spacon en la monotona rubriketo NIA MUNICIO.

**GRANDA KONFUZO** estas nun Ĉeĥoslovakio en nia sliparo, ĉar ni ne scias ĝuste la urbojn k regionojn, kiuj falis sub la ungoj de Hitler. Pro la dubo, ni rezignis, jam de antaŭ du monatoj, liveri la gazeton al la legantoj de tiu amika lando. Kiu povas informi rapide k konkrete pri tiu afero? Sed, dum ni solvas la demandon, estus bone, ke ĉiu leganto, havanta korespondantojn aŭ konatojn en la demokrata parto de Ĉeĥoslovakio, disvastigus tiun sciigon por ke la ĉeĥaj interesatoj sin turnu rekte al ni mem.

## INFORMEJO

K-dino M. Robineau, 4 Rue General Malleterre, París. XVI. deziras informojn pri la jugoslava volontulo en la Internaciaj Brigadoj, Miroslav Cukuliĉ, kies lasta adreso estis: S. R. I. Plaza Altozano 410, Barcelona.

K-do. Degay Lucienne, 12 Bd. Henri Barbusse. Montreuil (Seine), Francio, deziras ricevi informojn pri la volontulo en la Internaciaj Brigadoj. k.do Pieplu André, kies lasta adreso estis: S. R. I. Plaza Altozano 10 L. Albacete.

## DENOVE LA PAPERO...

Jam elĉerpiĝis nia provizo el papero de mezbona kvalito. Denove ni devas uzi paperon, kiu malbeligas la aspekton de nia gazeto. Ni faris jam la koncernajn demarŝojn por solvi kontentige la problemon. Dume, la legantoj ne estu maldankaj kun ĉi tiu modesta papero, kiu, se ne tre bele, almenaŭ utile helpas praktike materiigi la verajn k rektajn informojn pri la hispana lukto kontraŭ la indiĝena k fremda despotismoj.

Presejo de J. Olmos, Alicante, 33; Valencia.


ABONMANIERO Nia gazeto ne havas fiksan abonprezon. Ĝi eldoniĝas nur per laŭvola individua monhelpo de sia legantaro. Tial, se la enhavo k celo de la revuo estas por vi aprobinda k plaĉa, pagu vian liberan abonon al iu ajn el niaj internaciaj agentejoj:

ĜENERALA INTERNACIA ADRESO
nur por mono
GUSTAVE FARENC
53, Rue Brise-Pain
Poŝtĉekkonto 13944 Orleans
ORLEANS (Loiret) FRANCIO

NEDERLANDA ADRESO
nur por mono de holandanoj
PETRO van der PLANK
Van Speijkstraat, 48-I
poŝtĝiro 245542
AMSTERDAM W. Nederlando

BELGIO
K-DO M. DELFORGE
33, Rue de Heigne
Postĝiro 199106
CHARLEROI

ANGLIO
K-DO O. MELTON
23 Fowler Str. Nechells
BIRMINGHAM 7

SVEDIO
ARBETAR ESPERANTISTEN
Barnhusgatan 8 ö. g. n. b.
Postĝiro n.º 53411
STOCKHOLM

REDAKCIA ADRESO POR ĈIO ALIA
POPOLA FRONTO — Mar, 25, Valencia (Hispanio)